# KATOLIKA MONDO

Ĉefredaktoro: Kaspar MAYR, London, 16, Red Lion Square.
Redaktoro: W. Solzbacher, Honnef a. Rh., Spiesgasse, Germ.
Kunredaktoroj: Patro M. Carolfi O. F. M., Italio. Prof. P. J. A. Muttang Francio. Pastro J. Makara, Polio.

Esperanto-Organo de Internacio Katolika
kun junula aldono « La Juna Batalanto »



7a - Kolekto n° 8 Julio 1926

Eldonejo kaj ekspedejo: Katolika Mondo Elberfeld, Feldstrasse 25 (Germ.)
Poŝtĉekaj kontoj Koeln 70105
Warszawa 190972
Paris 80061, Praha 77396
Wien 162473.


# MARIA - EINSIEDELN

La nunjara IKA-kongreso estos en Einsiedeln! Ni esperas, ke granda nombro da IKA-anoj venos tien por kunlabori, ke nia movado progresu. Hodiaŭ ni publikigas artikolon pri la historio de la monaĥejo kaj fama pilgrimejo el la plumo de la konata *Patro Rudof Henggeler* el la monaĥejo Einsiedeln. La bildo estas afable disponigita al ni de la mondkonata eldonejo *Benziger & C°* en Einsiedeln. Do ankoraŭfoje, amikoj: Venu al la IKA-kongreso en Einsiedeln!



Miloj da homoj el ĉiuj mondpartoj ĉiujare fluas al Svisujo por admiri ĝian naturbelecon. Malgranda parto de ĉi tiuj internaciaj migrantoj trovas la vojon supren en la altvalon en la svisaj Antaŭalpoj, kie staras la sanktejo de Nia Sinjorino de Einsiedeln. Iam tio estis alia. Tra multaj jarcentoj el ĉiuj landoj najbaraj sennombraj miloj pilgrimis en la Malluman Arbaron. Ili ne serĉis la miraklojn de la naturo por sia belecosoifanta okulo; konsolon kaj helpon en animaj mizeroj ili atendis ĉi tie, je la loko, kiu antaŭ pli ol mil jaroj estas sanktigita per la sango de martiro, kiu, kiel bele diras la malnova tradicio, estas benita de Dio mem.

En la unua duono de la naŭa jarcento en tiu altvalo malproksima de l'mondo monaĥo el la insulo Reichenau konstruis sian ĉelon. Tutajn 26 jarojn *Sankta Mejnrado* vivis en tiu dezerta sovaĝejo, ĝis kiam rabemaj mortigistoj mortbatis lin la 21 januaro 861. La kunfratoj el Reichenau reportis lian kadavron, kaj lia ĉelo ŝajnis destinita al ruiniĝo. Jen venis je la komenco de la deka jarcento nobela kanoniko el Strasburgo, nome *Benno*, por denove loĝi en ĝi. Lin sekvis baldaŭ alia kanoniko el la sama urbo, *Sankta Eberhardo*, al kiu aliĝis ankoraŭ aliaj samideanoj. Estis Eberhardo, kiu gajnis la ermitaron iom post iom kolektiĝantan ĉirkaŭ li, ke ili akceptu la regularon de Sankta Benedikto kaj kuniĝu al monaĥeja komunumo. Tiel estiĝis en la jaro 934 la monaĥejo Einsiedeln. Duko *Hermann I. de Schwaben*, al kies regiono apartenis la novfondaĵo, kaj ties edzino *Reginlinde* fariĝis noblanimaj protektantoj de la juna monaĥejo. *Imperiestro Otto I.* kaj lia sankta edzino *Adelhejdo*, nepino de Reginlinde, kunhelpis certigi la materian flankon de la fondo. *Sankta Ulriko*, episkopo de Augsburg, donacis la ostojn de kelkaj sanktuloj, *Sankta Konrado* de Konstanz benis 948 la unuan preĝejon. De ĉiuj flankoj alfluis noblaj viroj, por tie servi Dion. Inter ili estis la ŝvaba dukido *Adelriko*, estis *Sankta Wolfgang*, kiu poste fariĝis episkopo de Regensburg, estis *Sankta Gregoro* apartenanta laŭ malnova tradicio al la angla reĝa familio. Einsiedeln fariĝis baldaŭ famkonata en germanaj landoj kiel loko de fidela ordena disciplino kaj edifa vivado de ĝiaj enloĝantoj. Multaj monaĥejoj je tiu tempo fonditaj ricevis de tie siajn unuajn anojn, sur la abataj kaj episkopaj seĝoj de la ĉirkaŭa regiono ni trovas monaĥojn de tiu sanktejo. Imperiestroj kaj reĝoj konkuris donaci al ĝi novajn posedaĵojn. Precipe *imperiestro Henriko Sankta* riĉe donacis. Bedaŭrinde depost la 12-a jarcento ĝuste pri la imperiestra donacaĵo estiĝis konflikto kun la najbaraj svisoj, kiu daŭris 250 jarojn kaj ne nur materie multe malutilis al la monaĥejo, sed ankaŭ, kio estas pli bedaŭrinda, malprogresigis la internan vivon kaj celadon. Ankaŭ la fikutimo, ke nur anoj de la *alta nobelaro* estis akceptataj, multe malprofundigis la spiritan vivon. La abatoj kiel princoj de la imperio pli ol bone okupis sin pri *politikaj* disputoj kaj tial ofte forgesis sian abatan devon. Tamen oni ĉiam restis konscia, esti gardantoj kaj protektantoj de sanktejo, kiu depost la fino de la 13-a jarcento fariĝis pli kaj pli la celo de piaj pilgrimantoj. Precipe en la 15-a jarcento la pilgrimado al la sanktejo de Nia Sinjorino atingis internacian famon. El malproksimaj nordaj landoj, el Nederlando, el ĉiuj germanlingvaj regionoj, sed ankaŭ el Francujo kaj Italujo venis sennombraj miloj. Fiere en la jaro 1471 la svisoj skribis al la duko de Milano, ke ili rigardis tiun kapelon kiel la plej valoran floron en la florkrono de siaj landoj.

La tempo de la *Reformacio* minacis forigi monaĥejon kaj pilgrimadon. La monaĥejo estis proksima al malpleniĝo. Por kelka tempo la zorgo pri la pilgrimado estis en la manoj de *Zwingli*, la svisa reformanto, kaj de liaj amikoj. La grava krizo feliĉe pasis, kaj bonegaj abatoj reekflorigis monaĥejan vivon kaj pilgrimadon. Depost tiam ankaŭ nenobelaj viroj estas akceptitaj. Kun la religia ankaŭ la scienca vivo estas ĉiam pli multe flegita. Ja en la jaro 1577 denove terura sorto vizitis la monaĥejon. Post kiam jam en la mezepoko kvarfoje la fajro danĝere furiozis en la muroj, ĝi tute disdiriĝis. Sed nur, pordoni lokon al nova vivo. En la 17-a jarcento la nombro de la membroj kreskis al pli ol 100. *Abato Aŭgustino Reding* (1670-92) estis

unu el laplej grandaj teologoj de sia tempo. Komence de la 18-a jarcento oni komencis konstruon de nova monaĥejo kaj nova preĝejo. Simpla laika frato, *Kasparo Moosbrugger*, faris la projektojn. Lia konstruaĵo estas unu el la plej grandaj kaj plej belaj inter la barokkonstruaĵoj de Suda Germanujo. Super la simpla kapelo de Sankta Mejnrado, kiu ĉiam estis konservita kiel juvelo kaj en la unua duono de la 17-a jarcento estis ĉirkaŭvestita per marmoro, volbiĝas preĝejo nekomparebla kun iu alia en germanaj landoj.

Kun la monaĥejo ankaŭ la pilgrimado reviglîĝis. La regionoj en Svisujo, kiuj restis katolikaj, konservis la malnovan amon al la sanktejo en la Malluma Arbaro. Ĉirkaŭ 125 paroĥoj meze de la 18-a jarcento faris siajn procesiojn al Einsiedeln. Ankaŭ ĉiam venis tre multaj eksterlandaj pilgrimantoj, precipe el Aŭstrujo kaj Sudgermanujo. Sed krom la pilgrimo la monaĥejanoj dediĉis sin al la *scienco*; ili gvidis en Einsiedeln kaj en Bellinzona *gimnazion*. Kelkaj *paroĥoj* estis gvidataj de ili. En la kampo de la *agrikulturo* la monaĥejo, dank'al siaj grandaj posedaĵoj, ofte ludis gvidantan rolon.

Subite je la fino de la 18-a jarcento denove minacis pereo. En la printempo de 1798 la *francoj* invadis Svisujon. La malamo de la *revoluciuloj* speciale direktiĝis al la sanktejo de Einsiedeln. La monaĥejo estas okupita. La sanktan kapelon generalo Schaŭenburg detruigis. Per tio la pilgrimado estis mortigita. Sed ankaŭ tiu sorto pasis. En la jaro 1801 la monaĥoj povis reveni, por rekonstrui la detruitan sanktejon. Kelkdekjara laboro estis necesa. Sed lertaj abatoj sukcesis kun la beno de Dio kaj la helpo de bravaj politikistoj denove ekfloriĝi ĉion. En la aŭtuno de 1817 ankaŭ la rekonstruita sankta kapelo povis remalfermiĝi. Kvankam en la ventegoriĉa 19-a jarcento ankoraŭ kelkfoje ventego bruante atakis la sanktejon, tamen ĉio feliĉe pasis. La pilgrimado precipe depost kiam per la fervojoj nacioj kaj landoj pliproksimiĝis, pli kaj pli kreskis. Krome por la monaĥejanoj malfermiĝis novaj agadkampoj. La propra *monaĥeja lernejo* estas konsiderinde pligrandigita, tiel ke ĝi nun havas pli ol 300 lernantojn. La *pastrado* postulis pliajn fortojn. Kelkaj monaĥejoj kaj institutoj ricevis la pastran gvidon el la sanktejo. Novajn taskojn alportis la malfermo de *agrikultura lernejo* kaj la gvido de *nova kolegio* en *Ascona* (kantono Tiĉino). En *Ameriko tri idaj monaĥejoj* estas fonditaj, kiuj bezonis multe da materia kaj spirita helpo. La monaĥejo nun havas 160 membrojn, inter ili 107 pastrojn.

La *Granda Milito* ja provizore malprogresigis la pilgrimadon, ja amasiĝis en tiuj malfacilaj tempoj la zorgoj. Tamen ankaŭ tiuj nuboj disperdiĝis, kaj hodiaŭ Einsiedeln estas denove kio ĝi estis tra la jarcentoj: la celo de piaj migrantoj kaj pilgrimantoj el ĉiuj landoj de la mondo. Kvankam la «granda mondo» kiu laŭmode veturas al Svisujo, ne trovas la vojon al la sanktejo, tamen ĉiam ankoraŭ multaj travivas tion, kion skribis la granda sankta ĉefepiskopo de Milano *Karlo Boromeo*, okaze de sia vizito en la pilgrimejo (1570): « *Mi certigas...., ke escepte de la Sankta Domo de Loreto mi neniam ĝuis nek vidis pli pian lokon... ! ...* »

*Einsiedeln, junio 1926.*

P. Rudolf Henggeler
O. S. B.

# VI-a INTERNACIA Katolika Kongreso EINSIEDELN (Svis.)

## 11-15 aŭgusto 1926

**Protektoroj :**

*L. E. M. D-ro Georgius Schmid von Grüneck, episkopo de Chur*;

*D-ro Ignatius Staub O. S. B., princabato de Einsiedeln*.

Pro neantaŭvideblaj teknikaj malfacilaĵoj estis neeble aranĝi la nunjaran IKA-kongreson en Paray-le-Monial. Tial ĝi okazos en la mondkonata pilgrimejo kaj benediktana princabatejo Einsiedeln.

**Temo : Kristo la Reĝo**

**Referatoj** : Multaj famkonataj katolikaj gvidantoj vizitos nian kongreson, kaj kompetentaj parolantoj donos la ĉefreferatojn. Ĝis nun jam akceptis :

L. E. M. D-ro Sigismund *Waitz*, *episkopo* kaj apostola administranto de Feldkirch (Aŭstrujo) : *Kristo kaj la gazetaro.*

Univ Prof. P. Stephan *Claverie* O.P., Fribourg (Svis.) : *Kristo kiel bazo de la homa aŭtoritato.*

Univ. Prof. D-ro Godehard *Ebers*, Köln (Germ.) : *Kristo en la publika vivo de la pasinteco.*

Gimnazia Rektoro D-ro P. Romuald *Banz* O. S. B., Einsiedeln, ; enkonduka prediko pri *la liturgio de la nova festo Kristo Reĝo.*

D-ro Joseph *Eberle*, redaktoro de « Schönere Zukunft », Wien : *Kristo en la ŝtata vivo.*

D-ro Carl *Doka*, redaktoro de «Schweizerische Rundschau », Zürich : *Kristo en la internacia vivo.*

Prof. P. *Carolfi* O.F.M., Cortemaggiore : *La reĝeco de Kristo en la individua homo kiel bazo de la reĝeco de Kristo en la publika vivo.* (referato en Esperanto !)

**Fakaj kunsidoj :**

*Instruistoj*. Faka kunsido estas preparata kune kun S-ro lerneja inspektoro Maurer (Luzern), prezidanto de la unuiĝo de katolikaj instruistoj de Svisujo.

*Komercistoj*. Fakan kunsidon preparos evt. s-ro Gottfried Balmer, Schüpfheim (Svis.).

*Esperanto-laboro*. Okazos fakaj kunsidoj pri la praktika aplikado de Esperanto en la internacia katolika agado kaj pri la plua evoluo de nia « Katolika Mondo ». Proponoj estu jam nun sendataj al la eldonejo en Elberfeld.

**Aliĝoj :**

Kongresa kotizo estas 10 sv. fr., 8 g. M. ktp. Aliĝojn kaj demandojn oni sendu al D-ro Carl Doka, *Zürich, Plattenstr.* 48, el Germanujo ankaŭ al Kaplano B. Wachowski, *Elberfeld*, Feldstr. 25.

**Loĝejo kaj plena nutrado**

en Einsiedeln estas havebla je 8,50 sv. Fr. kaj pli.

**Pluaj sciigoj**

aperos en la aŭgusta numero, kiu jam en julio estos dissendata. Sed aliĝu jam nun grandnombre, venu al la belega Einsiedeln, al la IKA-kongreso, kiu devos esti grandioza manifestacio

**por Kristo la Reĝo !**

# Pensmaniero de la Kongo-Negroj

De P. Jos. Frässle S C.J., tradukis Solzbacher

Kun afabla permeso de la eldonejo *Herder* en Freiburg (Germ.) ni represas malgrandan parton el la bonega ĵus aperinta verko « Negerpsyche » de la konata Kongo-misiisto *P. Jos. Frässle.*

La eŭropano iras al Afriko. Ke tie la homoj havas alian haŭtkoloron, tion li scias, ankaŭ baldaŭ vidas; sed ke en tiu nigra mondo oni pensas alimaniere ol en lia patrolando, tion li ne imagas. La negroj devas pensi kiel li, alie li nomas ilin azeno, simio, kamelo, malsaĝa negraĉo ktp., li kriegas al ili, vipas ilin terure, ĝis kiam ili fine senhelpe kontraŭ tia armita potenco ekkrias : « La eŭropano estas malsana en sia kapo, » t. e. li estas freneza.

Ankaŭ la negro havas siajn pensojn. « Kial la eŭropanoj venis en nian landon, por turmenti nin, ĉar ni ja ne faris ion malbonan al ili ? »

«Ili venas, ĉar ili hejme mortas pro malsato,» aŭ : « Ili estas forpuŝitaj de siaj fratoj pro malbonaj faroj, kiel ankaŭ ni forpuŝas malbonajn samnacianojn ».

« Se ni faras ion, ni nur faras ĝin pro nia profito. Tial ankaŭ la eŭropano nur povas veni al ni, ĉar li volas havi profiton. Certe li ne volas nian bonfarton ».

« La eŭropanoj estas maltrankvilaj papilioj, kiuj ĉie suĉas. Ili estas kiel la akridoj, kiuj ĉie saltetas, formanĝas ĉion manĝeblan kaj nenion restlasas. La patrino de la blankuloj estas la avideco ».

« Gardu vin, fratoj ; ili surhavas vestojn, ĉar ili estas kovritaj de vundoj, kiujn ili devas kaŝi aŭ volas kaŝi, por infekti nin ».

« Ili estas blankaj, ĉar ilia patrolando nomiĝas Mputu, t. e. la lando de la nokto. En la malheleco la plantoj restas blankaj. » (Ankaŭ ni eŭropanoj kovras ekz. la salaton, por ke ĝi blankiĝu). « Eble ili vivas multe en la akvo, en kiu ja ankaŭ niaj dronintoj blankiĝas, aŭ ĉe spiritoj, kiuj estas blankaj ».

« Ke la eŭropanoj invadas nian landon kaj diras : » Ni vidis vian landon, tial ĝi apartenas al ni » — tio ja sufiĉe pruvas, ke ili ne havas jurkonon, precipe ke ili ne konas la posedrajton. Uzurpuloj, ŝtelistoj kaj rabistoj ili estas, patroj de la maljusteco, protektantoj de la falseco ».

« Multaj el ni estis sklavoj de la araboj ; tie ni estis traktataj severege : laboro, batoj, mem morto estis nia sorto ; sed ni almenaŭ havis plenan stomakon. Nun ni fariĝis sklavoj de la eŭropanoj ; ankaŭ ĉe ili laboro, batoj kaj morto estas nia sorto. Sed kio estas plej malbona, ĉe ili la stomako restas malplena ; ili nenion donas al ni por manĝi, ni mortas pro malsato. Tial ni pli bone estus restintaj sklavoj de la araboj !»

« La eŭropanoj estas riĉaj kaj tamen ne satigeblaj ! Ili skribas papereton en sian patrujon, kaj kiel respondo venas sendaĵo da ŝtofoj, salo, tabako ktp. Sed anstataŭ ĝui sian riĉaĵon kaj vivi trankvile, ili maltrankvile forprenas ankaŭ la trezorojn de nia lando kaj forkondukasilin sur siaj ŝipoj al la patrolando. Se kelkaj pagas nian laboron, ili nur pagas per malbonaj ŝtofaj, estas kalkumitaj moskitoretoj ; ili retenas la bonajn ŝtofojn ».

« Malbonaj homoj ili devas esti, tiuj eŭropanoj, ne nur ĉar ili nin ĉirkaŭrabas, sklavigas kaj malbone pagas, sed eĉ pli multe, ĉar ili metas siajn manojn sur niajn virinojn kaj ne definitive ilin aĉetas kaj kunprenas en sian patrolandon, sed lasas ilin velkintaj en nia vilaĝstrato. Ĉu vi pensas, ke ĉe ni oni ankoraŭ volas havi virinon, kiu malfortiĝis kaj malsaniĝis kun eŭropanoj ? »

Kiu ne ekkonas la pensaron de la negroj, tiu eraras, kiel Stanley eraris. Ĉi tiu venis malsupren de la Kongo ; ĉie li aŭdis la tamburon anoncantan en ĉiuj vilaĝoj : « Fratoj, viro kun blanka haŭtkoloro venas en nian landon ». Vere eŭrope Stanley pensis tuj pri milittamburo, kaj kiam li mem vidis la virojn kun la lancoj ĉe la bordoj de la Kongo, tiam li tremis, pensis pri milito kaj pafis. Ha, nur estis honorlancoj, kaj nur vokis la arbtamburoj, por rigardi la blankulojn !

# Kio estos Ĥinujo morgaŭ?

**De Pastro Vincent Lebbe**

*(Fino)*

Antaŭ kelkaj monatoj unu el tiuj junuloj ricevis la bapton en unu el niaj katolikaj institutoj. Antaŭe la idolanaj studantoj rigardis lin kiel unu de la gvidantoj en la opozicio kontraŭ la katolikismo. Grandegaj klopodoj estis provitaj por lin forigi de lia nova direkto, kiun liaj ideoj iris, kaj la sola sukceso de tiuj klopodoj estis, ke pli ol unu el liaj antaŭaj antiklerikalaj kamaradoj iris kun li. Je tiu tago la ĝojo inundis lian animon kaj montriĝis en liaj larmomalsekaj okuloj, kiam li post la baptoceremonio salutis kvar el siaj amikoj konvertitajn kiel li mem. Ili silente rigardis unu la alian, sed subite ili ekridis. Ĉeestanta misiisto demandis, kio estis la kaŭzo. « Patro, respondis unu el ili, ni pensas pri malvenko de la diablo; antaŭ du jaroj ni ĉiuj 5 kunestis en hotelĉambro kaj tie kune projektis estontajn planojn por definitive detrui la katolikajn misiojn ĉe nia reveno. Kaj nun ni kvin estas denove kunvenintaj ĉi tie, eble je la unua fojo depost du jaroj; sed la objekto de la interparolado ŝanĝiĝis: ni plifortigos la katolikan ofensivon en Ĥinujo! Kiu de ni 5 iam povis antaŭvidi tion! »

Neniu.... se ne tiu, kiu skribas ĉi tiujn liniojn kaj kiu malgraŭ la plej malhelaj profetaĵoj de tiom da malvenkistoj (skeptikuloj) — tiaj ekzistas en ĉiuj militoj — malgraŭ la realaj malfacilaĵoj de tia transformado, ĉiam konservis neŝanceleblan konfidon al la virtoj de tiu bela junularokiu volonte dediĉus sin al Kristo kaj la Eklezio, se ili nur konus ilin.

Ni bone memoru, ke inter tri aŭ kvar infanoj, kiuj naskiĝas en la mondo, estas unu ĥina infano kaj ke tiu giganta popolo estas prepariĝanta fariĝi forta, treege forta popolo. Kiam ĝia industrio estos kreita, kaj ĝi kreiĝas, kiam ĝiaj mineralaj riĉaĵoj estos ekspluatataj, kaj ili estos, Ĥinujo estos la unua industria forto de la mondo.

Se ni do vere volas gajni tiun grandan popolon por la Eklezio, ni helpu per ĉiuj fortoj tiujn, kiuj volas fariĝi ĝia estonta elito, ni helpu per ĉiuj niaj fortoj la infanojn de tiu granda Ĥinujo, kiuj venas al ni, por serĉi Kriston. La iloj por veni en kontakton kun ili, ne mankas: apud ses aŭ sep ĥinaj monataj aŭ semajnaj gazetoj aperantaj en Paris, ĉiu kun propra partia nuanco, sed ĉiuj egale kontraŭkristanaj, la A.C.J.S. (Associatio Catholica Juventutis Sinensis) kuraĝe eldoras semajnan gazeton « La Katolika Junularo » kaj franclingvan monatan bultenon « Le Bulletin de l'A. C. J. S. » Ĉi tiu lasta meritas specialan mencion. Ĝi estas publikaĵo de alloga originaleco: ĝiaj redaktoroj estas ĥinoj, tre katolikaj, tre patriotaj, kaj kuraĝe tie donas al ni sian tutan junulan animon; legante ĝin, oni ne enuas kaj ne perdas sian tempon. En momento, kiam la intereso pri la Ekstrema Oriento estas en modo, ili donas al ni originalan dokumentaĵon pri sia granda kaj ĉiam mistera lando; kaj estas tre valore, ke tiu dokumentado venanta el la plumo de aŭtentikaj ĥinoj, ne de vojaĝantoj en Ĥinujo, konigas al ni samtempe ilian mentalecon. La grandiĝanta sukceso de la bulteno surprizis la plej optimistajn; kompreneble ĝi ankaŭ kuraĝigis kaj plientuzias migis la karajn neofitojn, kiuj brave oferas por ĝi sian malmultan liberan tempon kiun lasas al ili ilia studado. Sendube oni devas diri, ke la katoliko abonanta ĝin faras pli multe ol interesiĝi kaj instruiĝi: li kunlaboras en la belega agado de ĉiuj tiuj, kiuj vivas kaj mortas, por doni respondon al la demando de nia artikolo:

*Kio estos Ĥinujo morgaŭ?*

Ĉu lando de katolika influo?

*Jes!...* Se ni ĉiuj, katolikoj de Ĥinujo kaj katolikoj de ĉie, unuigas niajn klopodojn kaj niajn preĝojn, por konverti ĝian intelektan eliton al Kristo kaj la Eklezio.

Kaj ni estu praktikaj: ni ne atendu ĝis morgaŭ: Leganto, jus leginta ĉi tiujn liniojn, mia frato en Nia Sinjoro, tuj faru du decidojn:

Via sekvonta komunio estos por la konvertado de la ĥina junularo en Eŭropo!

Vi hodiaŭ abonas la Bultenon de la A.C.J.S.!

**Noto de l'Red.**: Ni ĝojis publikigi la artikolon de Pastro Lebbe kaj diskonigi la admirindan agadon de la junaj ĥinaj pioniroj de la Eklezio al katolikoj ĉiulandaj. Al ĉiuj, kiuj komprenas francan lingvon, ni rekomendas aboni la Bultenon. Ĝi kostas por tuta jaro 12 frankojn, t. e. preskaŭ 3 fr. sv. aŭ 2,40 Rmk. Sendu abonojn per nia amiko Albert Yong, 53 Bd. de Tirlemont, Louvain, Belg.; en Germanujo la redaktoro de K. M. kaj J. B. volonte peras. Publikigu resumojn de la artikolo en katolikaj revuoj kaj ĵurnaloj!

# Leterkesto

**Al multaj, kiuj promesis...!** Per ĉi tiu numero komenciĝas la dua duonjaro. Abonoj por ĝi kostas nur 1,50 Rmk. aŭ samvaloron. Do plenumu vian promeson kaj varbu ĉiujn katolikajn Esperantistojn, kiujn vi konas! Saluton kaj sukceson!

**Saarbrücken.** Nun ni havas poŝtĉekan konton en Paris. Vidu la numeron je la capo de K.M. Multajn salutojn!

**Kaŭnas.** Specimenojn ni sendis al la adresoj, kiujn vi sendis al ni. Al niaj multnombraj amikoj en Litovujo koran saluton!

**Spa.** F-ino Assenmacher. Per amiko Mayr ni ricevis vian afablan inviton al la XI-a Katolika Esperanto-Kongreso. Esperelble estos eble al ni, veni tien. Bonvolu sendi ĉiujn pluajn administraciajn informojn (ankaŭ monon) al Elberfeld. Saluton!

**Al diversaj MOKA-anoj.** Jes, ni volonte klopodos plioftigi la aperon de « La Juna Batalanto ». Ni ĝojas pri via alta idealismo kaj via entuziasmo, precipe ankaŭ, se vi iom de ĝi portas el la altaj regionoj de la ideoj en la malgrandan laboron de la praktiko, ekz. varbante por « Katolika Mondo ». Ĝojan saluton!

**Polujo.** La artikolo « La Stelo de Locarno kaj la Stelo de Bethlehem » de P. Stratmann aperis en germana lingvo en « Las Junge Zentrum » (Berlin) kaj en « Ruf zur Wende » (Wien), franca traduko en « La démocratie » (Paris), Esperanta traduko en « Katolika Mondo », la originalo kun resumo en franca kaj angla lingvojn « L'âme commune » (Paris).

**Al niaj amikoj.** Ĉar la proksima (kongresa) numero de K. M. jam aperos je la 20 julio kaj estos speciale riĉe aranĝita, ni volonte sendos al niaj amikoj kvanton por propagando. Skribu al la administracio!

# Recenzejo

**La Padova Lilio.** Mallonga Biografio de Sankta Antono el Padova. De P. Prof. Modesto **Carolfi** O. M.; A. Paolet, eldonanto, S. Vito al Tagliamento (Italio) 1726. 120 paĝoj.

Bonega verketo de nia kara amiko kaj kunredaktoro Carolfi. Kiel lia biografio de Sankta Francisko ankaŭ la nova libro estas laŭ enhavo, stilo kaj ekstera aspekto vera perlo en nia literaturo. 22 belaj bildoj (preskaŭ ĉiuj laŭ famkonataj pentraĵoj) ornamas ĝin. « Al la tutmonda katolika junularo Esperantista, agema forto de l'Eklezio, espero de la homa societo, » la aŭtoro dediĉis ĝin. Prenu kaj legu!

# La nova vizaĝo

**De Josef Wittig.** trad. W. Solzbacher.

**(2)**

La katolika popolo kantas en la maja preĝo:

Pli bela vi estas ol la suno,

Je viaj piedoj brilas la lun' — kaj kiam ĝi tiam migras hejmen tra la lunbrilata nokto, vere, tiom bela ĝi ankoraŭ neniam vidis la lunon! Kaj kiam matene la suno leviĝas! Nova vidado fariĝis, nova rigardateco de la kreaĵo. El la sola, malgranda, spiritobenita peco da tero, la benata knabina korpo, eliras brilado, kiu denove ĉiujn bonajn aĵojn faras belaj. La beleco de la tero ja jam estis scietata, antaŭ kiam oni faris ĝin parabolo de Mario, sed ĝi nur ekbrilis, kiam ĝi fariĝis parabolo. Kiel la diamanto nur briletas, kiam ĝi estas tenata en lumon.

Pentristo ne plu povas pentri belan bildon de la tero: ĝi estas Mariobildo. La peceton da pejzaĝo, kiun li volas pentri, li devas vidi kiel parabolon de ŝi, tiam ĝi ricevas la tute delikatan rigardatecon. Li ne bezonas pentri la sanktan servistinon de Dio super ĝin; tio por ni ne plu estas necesa; tamen ĝi estas Mariobildo!

Iam mi iris kun fremda viro tute frumatene al sufiĉe malproksima stacidomo. Ni ambaŭ zorge kuntiris niajn mantelojn. Tiel malvarmeta estis la mateno. La altaĵoj ankoraŭ malhelaj akre kontrastis sur la heliĝanta matena ĉielo. Blankaj nebuloj etendiĝis en la valo, estis kiel blankaj litoj, en kiuj la montoj noktripozis. La montoj dormis ankoraŭ. Nur la luno jam estis leviĝinta, staris super malgranda lageto kaj spegulis sian delikatan falĉileton en la trankvile moviĝantaj ondoj. Estis nekomparebla delikateco; estis, kvazaŭ neniu devus rigardi ĝin; tiom tute silenta kaj delikata ĝi estis. Oni ja ankaŭ ne devas penetri en dormoĉambron frumatene, kiam la princino ĵus rigardas en la spegulon. Jen, la du maljunaj salikoj ĉe la bordo de l'lageto jam vekiĝis. Tute hirtaj ili estis ĉirkaŭ la kapo, havis en ĉiu el siaj folioj malgrandan kemian fabrikon, kaj kiam venis la unua lumradio, la laboro komenciĝis. Per tio ili ja vivis.

Jen, en tiu Dia matenfruo, la fremda viro subite diris al mi: « Mi ofte ektimas, kiom terure enua kaj senspirita estas ankaŭ la plej bela pejzaĝo! »

« Ĉu ankaŭ ĉi tiu? » mi demandis

« Ankaŭ ĉi tiu! » li respondis.

« Vi ja ankoraŭ tute ne interparolis kun ĝi! Spiriton oni nur sentas el interparolado. »

« Kiel mi parolu al ĉi tiu lageto aŭ al tiu lunfalĉileto? Ili ja ne povas aŭskulti min. »

« Ho, al mi ĝuste la lunfalĉileto rakontas ĉarman rakonteton. Iam estis spirito, kiu kun la rakonteto pendigis sin al la lunfalĉileto. Depost tiam ĝi havas spiriton por mi, pli ol vi, ĉar vi hodiaŭ ankoraŭ nenion rakontis al mi, kaj tiu sola frazo pri la senspiriteco de la naturo certe ne estis tre spiritoplena! »

« Sed nun vi komencas fariĝi malĝentila! »

« Ne postulu de mi pli multe da ĝentileco, ol vi mem montras al mia kara tero. Sed nun sen ŝerco! Spiriton nenio havas el si. Spirito ĉiam devas veni de ie alie. Eĉ la homa animo ne povas kovi ĝin el si mem. Ĉiam ĝi estas gasto kaj sendito. Ĉar mi feliĉe havas en mi iom da spirito, mi elsendas ĝin kaj sendas ĝin kiel gaston ĉien, kie mi mem volonte estus. Kaj tie ĝi ĉion vivigas por mi. Por mi nenio plu estas senspirita sur la tero; nur kelkaj homoj, kiuj volus forpeli la spiriton kiel birdon, ĉar ĝi povus formanĝi kelkajn ĉerizojn! »

(Daŭrigota)

**Sanctissimi Domini Nostri Pii Papae XI Litterae Encyclicae de Festo D. N. Jesu Christi Regis constituendo et Constitutio Apostolica, quae Universale Jubilaeum ad Catholicum Orbem extenditur** ( 11 decembro 1925 « Quas Primas », kaj 25 decembro 1925 « Servatoris Jesu Christi »). Rajtigita eldono. Latina kaj germana teksto. 68 pĝ en 8°. Freiburg i. Br. 1926, Herder. Prezo 2 M.

La eldonejo Herder eldonis en bonega ekstera aspekto la enciklikon « Quas Primas » en latina originalo kaj germana traduko. Pri la signifo de tiu encikliko, kiu en tempo, kiam la homaj tronoj falis unu post la alia, montras al ni la potencan personon de la Reĝo Kristo, ni jam parolis. Ĉiu klera katoliko devus havi la plenan tekston. Ni rekomendas la eldonon de Herder !

**Anselm Schott, Messbuch der hl. Kirche.** Herder, Freiburg i. Br., 29-a kaj 30-a eldono. Pr. 6 M.-kaj pli.

Ĉi tiu klasika libro de la liturgio por ĉiuj germanlingvanoj ne plu bezonas specialan rekomendon. Jam pli ol 500.000 ekzemplerojn oni vendis ! Certe bona kaj meritita sukceso !

## DEUTSCHE ZUKUNFT

*EKSTERLANDA KAJ TRANSMARA ELDONO DE LA "KŒLNISCHE VOLKSZEITUNG"*

***Semajna gazeto en agrabla gazetformato enhavanta minimume 28 paĝojn. El alta observejo la D. Z. (« Germana Estonteco ») raportas pri ĉiuj politikaj kaj kulturaj problemoj de la nuntempo — En multaj leteroj el ĉiuj landoj, de abonantoj el ĉiuj sociaj klasoj kaj profesioj la eminenta signifo de la D.Z. kiel fidinda informilo por la eksterlandaj germanoj estas konstatata.***

***La ekspedo al eksterlando povas komenciĝi per ĉiu kajero kaj efektiviĝas direkte de la eldonejo al la abonantoj sub banderolo.***

*Abonprezo **inkluzive afanko por ekzemplero kaj jaro 12.60 ormarkoj aŭ 3 dolaroj usonaj aŭ samvaloro en alia valuto.** Specimenojn sendas la administracio*

**Köln, Marzellenstr. 37**

## Der Friedenskämpfer

**Organo de la katolika paca movado. Eldonata de la Friedensbund Deutscher Katholiken**

Dua jaro. Aperas dumonate kaj informas el katolika vidpunkto pri la paca movado kaj la pacifistaj problemoj. Prezo po duobla numero 30 Pf., jarabono 2. — M. Havebla per la ĉefoficejo, Berlin N. 58, Pappelallee 60.

Enhavo (n-ro 3-4, majo) :

P. Franziskus Stratmann O. P. Auf der Wacht. — Joseph Eck : Weckruf, Gedicht. — Kuratus Hinz : Völkerbund und Paneuropa. — Kaplan Waibel : Katholischer Klerus und Friedensbewegung in Deutschland. - Dr. Franz Müller : Katholische Friedensbewegung und ihre methodische Stellungnahme zu einzelnen Problemen. — Prof. H. Hoffmann : Deutsch polnische Verständigung . — Wilhelm Solzbacher : Die katholische Konferenz des Internationalen Versöhnungsbundes in Clerf (Luxemburg). — Einladung zur Tagung. - Kaplan Heuser : Fortschritte der Welthilfsprache Esperanto. - Neues aus der Bewegung. - Bücherschau. - Katholische deutsch-französische Korrespondenz.

La proksima numero aperas meze de julio

## Esperantista Centra Librejo

**51, rue de Clichy, PARIS 9,**

Société anonyme à Capital et personnel variables R. C. Seine 4022, eldonas kaj vendas la **verkojn de nia majstro D-ro L.L. Zamenhof**

Oni petu la katalogon 1926, sendata senpage

## Solaj Adresoj :

**Redakcio** : W. Solzbacher, *Honnef* a. Rh., Spiesgasse 1, Germ.

**Administracio** : (Abonoj, mono ktp.) : Eldonejo de « Katolika Mondo », Elberfeld, Germ.

## " Die katholischen Missionen " misia gazeto de la katoliko

**Aloys Fürst zu Löwenstein** nomas «Die katholischen Missionen» la *«gvidanta misia organo de Germanujo»* kaj diras, ke li ĝojas pri tio, ke la gazeto atingis denove la altan nivelon de la antaŭmilita tempo kaj ke «Die katholischen Missionen» volas venki la spiriton de la naciismo en la misia agado. «Servi al la enlanda misia movado kaj samtempe konduki unu al la alia la misiistojn de ĉiuj nacioj, tio estas la alta celo, al kiu «Die katholischen Missionen» nun denove moviĝas per malnovpruvita, renovigita forto. Dio benu tiun kuraĝon kaj plenumula konfidoplenan esperon.

**Neniu gazeto en Germanujo kaj Aŭstrujo** havas tiom senrezervan konfidon de la tuta episkoparo, kiel montriĝis en la 53 jaroj en sennombraj leteroj, kiel «Die katholischen Missionen». Ĉi tiu oficiala gazeto de la papa Propaganda Unuiĝo por la germanlingvaj landoj, je kiu kunlaboras ĉiuj misiordenoj, en la nomo de la centraj oficejoj en Aachen, München kaj Wien estas eldonata de la konata misia verkisto P. Bernard Arens S.J. kaj ĉefe volas flegi kaj propagandi la misio-ideon inter la kleraj katolikoj. En la ĝisnunaj volumoj troviĝas vere neelĉerpebla amaso da sciindaĵoj. Sub la varma blovo de la nova misia printempo ankaŭ la germanaj misioj leviĝas al nova kaj pli forta vivo. Kun speciala amo la gazeto sekvas la vojon de la filoj kaj filinoj de nia popolo,kiuj denove grandnombre iras en la tutan mondon, kaj rakontas al la hejme restintoj pri ilia batalado kaj agado ĉe la plej antaŭaj batalejoj de la militanta eklezio de Kristo. Ĉiumonate aperas unu kajero. La nova (54 a) jarkolekto komenciĝis la 1-a januaro.

**Prezo kvaronjare 2.25 Rmk.** Oni mendu ĉe la librovendisto aŭ ĉe iu postoficejo de la enkaj eksterlando. **Eldonejo de la «Katholische Missionen» Aachen**, Hirschgraben 39, Germanujo.

## La Paco per la Junularo

**VI-a Internacia Demokrata KONGRESO por la Paco — Aŭgusto 1926**

**BIERVILLE (S. & O.) Franclando**

La VI-a Internacia Demokrata Kongreso okazos en Franclando en 1926, en la kastelbieno de **Bierville**, sur la teritorio de Boisy-la-Rivière, apud Estampes (**Seine et Oise**).

La fervojstacio **Boissy-la-Rivière** estas proksima je 6 kilometroj al ESTAMPES, urbo kiu estas je 60 kilometroj el **Paris**. Nur 100-metra estas la interspaco inter la stacio de Boissy kaj la kastelo. BOISSY-LA-RIVIERE estas la dua stacio post Etampes sur la forvojoj **Etampes-Pithiviers**.

Tiu ci Kongreso devas nepre ebligi imponan kunvenon por ĉiuj diverslandaj pacemaj junuloj Ĝi okazos de la 16-a ĝis a 22-a Aŭgusto; sed tiu-ci monato Aŭgusto 1926 estos vere internacia monato, pro la multnombraj kaj diversspecaj manifestacioj kiuj okazados diversloke kaj en Bierville mem.

La kvin unuaj Kongrezo okazis en **Paris** (1921), **Wien** (1922 en **Freiburg** im **Breisgau** (1923), en **London** (1924), kaj en **Luxembourg** (1925.. La porpaca celo de tiuj Kongrecoj estis plej plensignife kuraĝigata de ciuj amikoj de la paco, ĉu de la papoj **Benedikto XV-a** kaj **PIO XI-a**, ĉu la regnestroj de la diversaj landoj, kie ili okazis, cu la franca, brita kaj germana ĉefministroj : s-roj **Briand, Painlevé, Herriot Mac Donald** kaj **Marx**.

*PRIALIGAJ SCIIGOJ : Individua Aligo* **10** *fr. - Opa Aligo por Grupoj :* **10** *fr. por ĉiu grupo +* **1** *fr. por ĉiu Membro.*

Por ricevi ciajn sciigojn pri la **Kongreso de Bierville** skribu al la sekretario de la Kongreso : **34, Bd. Raspail. PARIS (XII)**

**LA INTERNACIA MONATO DE BIERVILLE**

**Dum la 1-a semajo : 1/8 Aŭgusto. Fervojveturado en nordaj departementoj de Franclando ; la 1-an, REIMS ; la 3-an, AMIENS ; la 4-an, LE HAVRE ; la 5-an, ROUEN la 7-an, PARIS. Dum la 2-a sem. 9/15 Aŭg. En Bierville,** *Instruado, Paroladoj, artaj Prezentadoj. Ekskursoj.*

**Dum la 3-a semajno 16/22 Aŭgusto. En Bierville, VI-a Internacia Demokrata Kongreso por la Paco**

**Dum la 4-a sem. Piedekskursoj aŭ aŭtoveturadoj,** *Versailles, Rambouillet, Chartres, Port-Royal, Fontainebleau.*

# XI-a Katolika Esperanto-Kongreso (Spa, 13-16 aŭgusto 1926)

**Loka Organiza Komitato**

Honora Prezidantaro : Barono de Moffart, dekan-paroĥestro de Spa ; Barono Joseph de Crawhez, urbestro de Spa.

Prezidanto : S-ro H. Maes, advokato, skabeno de publika instruado, en Spa.

Vicprezidantoj : S-ro Hamaide, direktoro de la gazeto « Messager de la Paix », en Mons ; S-ro Borckmans, verkisto, vicprezidanto de la Societo Sankta-Josefo, en Spa.

Kasistino : S-ino J. Borckmans-Deru, lernejestrino, en Spa.

Sekretario : S-ro J. Desonay, 3, place Verte, en Spa.

Help-sekretario : F-ino J. Assenmacher, provizora sekretariino de baldaŭ fondota Belga Katolika Ligo Esperantista, en Verviers.

Membroj : F-ino Louise Pottier, Profesoro Pastro Populaire, Pastro Michel, Pastro Heyen, Advokato E. Bartholomé.

**Kongreskartoj.**

Estas du kongreskartoj :

1. la ĝenerala kongreskarto, kiu kostas 25 belgajn frankojn.

2. helpa kongreskarto, kies prezo estas 10 frankoj.

Ni petas la samideanojn tuj mendi la kongreskarton de ili deziraton.

**La kongrestemo**

Ni urĝe petegas tuj sin anonci al Pastro Ramboux,5 rue Bayard, en Paris-VIII,la raportistojn por la temo pritraktota dum Nia Dekunua : la katolikaj junulasocioj en la mondo.

Ĝis nun sin anoncis raportistoj nur el Belgujo, Francujo, Anglujo, Litovujo. Ni atendas sciigojn el la aliaj landoj.

La raportoj estas nepre sendotaj komence de julio al Pastro Ramboux. Tempo estas do pripensi la aferon.

**Provizora Programo**

Vendredon 13 aŭgusto :

16 h. Solena malfermo de la Kongreso, en la festsalono de la Societo Sankta-Josef, rue d'Amontville.

1) Bonakceptata saluto de la LOK; 2) Parolado de la Prezidantoj ; 3) Balotelekto de la Kongresestraro ; 4) Salutoj de la delegitoj ; 5) Transdono de la IKUE-standardo al la Belga Ligo de la Franca Ligo.

19 h. 30. Diservo en la kongrespreĝejo Sankta-Remaklo : Benado de la Plejsankta Sakramento.

Sabaton 14 aŭgusto :

9 h. Komunia Meso en la Kongrespreĝejo. Prediko de Pastro Ramboux.

10 h. Ĝenerala kunveno en la Kongresejo, rue d'Amontville.

12. Komuna tagmanĝo.

14. Promenado tra la urbo, vizito de la firmo « Spa-Monopole ». Oficiala akcepto de la urbkonsilantaro.

17 h. IKUE-Kunsido en la Kongresejo.

19 h. Komuna vespermanĝo.

10 h. 30 Amuza vespero.

Dimanĉon 15 aŭgusto :

9 h. Solena Meso en la Kapelo de la Orfejo.

10 h. Ĝenerala kunsido.

12 h. Komuna tagmanĝo.

13 h. Batalado per floroj.

15 h. Vizito de la banejo. Laŭvola promenado.

20 h. Koncerto en la Kazino.

Lundon 16 aŭgusto :

9 h. Solena Meso en la Kongrespreĝejo por niaj mortintoj.

10 h. Ĝenerala kunsido.

12 h. Komuna tagmanĝo. Tostoj.

14 h. 45 Kunveno en la Kongresejo por iri procesie al la Kongrespreĝejo.

15 h. Solena fermo de la Kongreso. Prediko de Pastro Meŝtan, prezidanto IKUE.

Mardon 17 aŭgusto :

**Aŭtomobila Ekskurso tra la Nordaj Ardenoj**

Tiu ĉi ekskurso okazos mardon la 17 aŭgusto. Foriro de Spa vagonare je la 8 h. Alveno en Verviers je la 9 h. Foriro de Verviers aŭtomobile, trapasante la urbon al la valo de la Gheul-Montzen ( grandega viadukto : longeco : 1300 m. alteco : 65 m.) Moresnet (vizito de la fama Krucvojo, meze de la bela parko ). Eupen. Valo de la Vesdre. Baraĵo de la Gèleppe. Tagmanĝo ĉe la bordo de la lago.

13 h. 30 foriro al la «Baraque Michel» (alteco 674 m. ). Valo de la Warche. Malmedy ( alteco 330 m.). Stavelot. Valo de la Amblève. Akvofalo de Coô. Fonds de Quarreux. Grotoj de Remonchamps (laŭvola vizito, kiu daŭras 1 h. 15). Reveno al Spa.

Prezo de tiu aŭtomobila ekskurso: proksimume 37, 50 fr. kondiĉe ke oni estu enskribita antaŭ la 25 julio.

Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio. — 30216.